# Fenikso

Revuo de Esperanto Nederland

24a jarkolekto • n-ro 2 | **marto-aprilo 2019**

printempo agadplena

Juna esperantisto venkas Taalkunde Olympiade

Samideanoj ĉe klimatmarŝo

# Fenikso

## Forumo de Esperanto Nederland

Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland
**ISSN 1384-6515**

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton.
La jara kotizo estas € 35,-
(por samdomanoj €12,50).
NEJ-anoj pagas € 15,-
(por samdomanoj € 5,-).

Fenikso estas aparte abonebla nur por ne-membroj en
eksterlando.
La tarifo estas € 20,-.

Vidhandikapitoj povas ricevi kasedan version de Rob Moerbeek, vidu dekstre.

**Redakcio:**
redakcio@esperanto-nederland.nl

## Limdato:

Materialo por la sekva numero estas bonvena ĝis la 1a de junio 2019.

**Informoj pri Esperanto:**
Ineke Emmelkamp
Arubastraat 12, 9715 RW Groningen
(info@esperanto-nederland.nl)
tel.050-5718842
**Studie-weekeinde:**
(studosemajnfino@esperanto-nederland.nl).

## Estraro

- **Estraro:** (estraro@esperanto-nederland.nl)
- **Prezidanto:** Said Mozaffari Baluchi,
(prezidanto@esperanto-nederland.nl)
tel. 06 84316394
- **Sekretario:** vaka
(sekretario@esperanto-nederland.nl)
- **Kasisto:** Loes Demmendaal,
Duikerlaan 160, 2903 AC,
Capelle a/d IJssel.
(kasisto@esperanto-nederland.nl)
tel.010 2133320
- **Estrarano:** (i.a. pri instruadaj aferoj):
Rob Moerbeek,
Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE, Beverwijk.
(rob.moerbeek@esperanto-nederland.nl)
tel.0251 231079
- **Estrarano:** Andries Hovinga,
De Fennen 47, 8918 CC,
Leeuwarden, tel.06 28916262
(andrieshovinga@esperanto-nederland.nl)
- Pri sociaj komunikiloj:
(sociaj-komunikiloj@esperanto-nederland.nl)
- **Membro-administranto:** Koos Scharroo,
Vaartweg 24G, 8382 EB, Frederiksoord.
(membroj@esperanto-nederland.nl)
tel.06 22413267

Bv. informi pri (ŝanĝoj de) poŝtadreso, telefonnumero, retpoŝtadreso, (eks- kaj ali)membriĝo, pagmaniero

**Bankkonto:**
IBAN: NL 10 TRIO 0786 8441 67
nome de Esperanto Nederland,
Capelle aan den IJssel.
UEA-konto: esne-h

**Eventueel retouradres:**
Esperanto Nederland Ledenadministratie,
Vaartweg 24G
8382 EB
Frederiksoord

# Enhavo



# Privacybeleid Esperanto Nederland

Sinds 25 mei 2018 is de Algemene Verordening Gegevensbescherming (AVG) van toepassing. Dat betekent dat in de gehele Europese Unie dezelfde privacywetgeving geldt. Het bestuur van Esperanto Nederland heeft op 26 augustus 2018 een privacybeleid vastgesteld. In dit stuk wordt vermeld welke gegevens de vereniging opslaat en waarvoor. Ook wordt vermeld hoe lang de gegevens bewaard blijven. De complete tekst is te vinden op de website van Esperanto Nederland www.esperanto-nederland.nl. Indien gewenst kan een papieren versie opgevraagd worden bij de secretaris van de vereniging sekretario@esperanto-nederland.nl.

# Mallongaĵoj

## Biologiaj mitoj tradukitaj en Esperanton

En novembro 2018 NIBI (Nederlanda Instituto pri Biologio) publikigis "Plassen op kwallenbeten" (Pisi sur brulvundojn post meduza atako"). Ĉarma libreto kun 50 rakontoj pri biologiaj mitoj, kiujn oni analizas. Kial ekz.e homoj pensas ke lemoj, tiuj malgrandaj ronĝuloj, amase sin mortigas? La respondo estas simpla kaj ŝoka: ĉar Walt Disney tion volis montri. Li aĉetis 100 lemojn kaj antaŭ la kamerao li pelis ilin en la abismon. Adeptoj de ortomolekula medicino kredas – laŭ la eldiroj de Nobel-premiito Linus Pauling – ke grandaj dozoj da vitamino C povas efiki kontraŭ gripo aŭ eĉ kancero, dum estas neniu pruvo, eĉ pruvo de la kontraŭo. Iuj kredas ke vakcinado povas kaŭzi aŭtismon ĉe infanoj – ĉar unu fraŭda kuracisto foje publikigis tion en la reto. Aliaj kredas ke samseksemo ne troviĝas en la naturo – dum en kelkaj specioj ĝis 20% de la rilatoj inter la bestoj povas esti samseksemaj. Interesa legaĵo, ĉu ne? Tial Bert de Wit petis al la eldonisto ĉu li rajtas traduki la rakontojn en Esperanton kaj publikigi en iu Esperanto revuo. La respondo estis jesa. La Kancerkliniko nun pretas eldoni la rakontojn. Abonu vin aŭ aĉetu unuopan numeron, tiel vi povos satigi vian lernemon!




## UEA-novaĵo

MONDMAPO KUN ESPERANTO-ASOCIOJ

"En nia nova paĝo Esperanto.net estas mondmapo kun Esperanto-asocioj.

En ĝi ankoraŭ mankas informoj pri kelkaj asocioj, aŭ la informoj estas malĝustaj.

Do ni petas, ke vi vizitu *esperanto.net/eo/lokaj-organizoj* kaj kontrolu la informon pri via urbo.
Vi povas tajpi la nomon de via urbo en la kadro aŭ premi la regklavon (CTRL) de via klavaro kaj samtempe ruli la centran radeton de via komputila muso por pligrandigi la areon serĉatan."

## IEI-novaĵo

La Internacia Esperanto-Instituto,IEI, havas freŝan retpaĝaron: *http://iei.fontoj.net.* Tiu instituto troviĝas en Hago kaj estis fondita por konigi Cseh-metodan instruadon tra la mondo.

Emblemo de la Internacia Esperanto-Instituto -->



## Erarmesaĝo

En la antaŭa Fenikso ni publikigis malĝustan lokon de la jarkunveno. La jarkunveno okazos en Roterdamo en la Centra Oficejo de UEA (Nieuwe Binnenweg 176) sabaton la 25an de majo kaj komenciĝos je 11:15, alveno ekde 10:45.
Ni elkore pardonpetas pro la konfuzo.
**- la Redakcio**

# Paco ŝako



Paco ŝako estas strategia ludo, bazita sur ŝako. Dum klasika ŝako temas pri milita batalado, paco ŝako temas pri paco kaj amikeco.
Kio estas paco ŝako?

En paco ŝako, ĉiuj ludpecoj moviĝas same kiel en klasika ŝako. Turoj iras rekte, kurieroj iras diagonale kaj tiel plu. La ludo nur ŝanĝiĝas kiam du pecoj interagas. En klasika ŝako, oni povas meti ŝakpecon sur kvadraton, kie staras peco de la kontraŭulo. Tiam oni atakas tiun ludpecon kaj rajtas forpreni ĝin de la tabulo. Paco ŝako kontraŭas tiun perfortan filozofion kaj ne permesas atakojn. Kiam oni paŝas sur la kvadraton de aliulo, la du ludpecoj iĝas amikoj.

Ligoj
Paco ŝako uzas speciale dezajnitajn ludpecojn, kiuj povas brakumi unu la alian. Ili aspektas kiel ŝraŭboj kaj tiel taŭgas kune, ke du ludpecoj de malaj koloroj povas ligiĝi. Ili ankaŭ agas kiel unuo, ĉar kiam du pecoj ligiĝas, ili ne povas simple disiĝi denove. La ludantoj povas movi ambaŭ pecojn samtempe laŭ la reguloj de sia koloro. Se nigra turo kaj blanka kuriero do kuniĝas, nigro rajtas movi ilin rekte kaj blanko rajtas movi ilin diagonale.

Ĉenreagoj
Oni povas liberigi ŝakpecon el ligo nur se oni havas liberan pecon. Oni povas formi ligon per anstataŭigi sian pecon en la ligo per sia libera peco. La liberigitan pecon oni povas meti sur liberan kvadraton, aŭ uzi por nova ligo, sekvante la movregulojn de tiu peco. Tio signifas ke oni povas uzi liberigitajn pecojn por liberigi novajn pecojn kiel en ĉenreago. Ju pli da ligoj estas sur la tabulo, des pli kompleksaj tiuj ĉenreagoj iĝas, do la ludo iĝas pli kaj pli interesa.

Venki
En klasika ŝako, la celo estas tiel limigi la movojn de la kontraŭa reĝo, ke ĝi ne povus eskapi esti atakata. Tia situacio nomiĝas mato. Ankaŭ tiu regulo estas ŝanĝita en paco ŝako, ĉar oni ne povas ataki. Anstataŭe, la unua persono kiu ligas ŝakpecon kun la kontraŭa reĝo venkas.

La filozofio malantaŭ paco ŝako
La nederlanda artisto kaj patro Felix Albers volis krei ludon por sia filo, kiu ne nur estis strategia defio, sed ankaŭ instruus al li vivlecionojn. En mondo plena je konfliktoj, li volis instrui kunlaboron kaj amikecon. Tiel naskiĝis la ideo de paco ŝako. Por lerni pli pri la ludo, vi povas ĉeesti prezenton pri paco ŝako en Nationaal Denksport Centrum, Den Hommel, Utrecht, la 18an de majo.



# Muzikkonkurso

**Itala Esperanto-Federacio decidis organizi konkurson pri kanzonoj originale verkitaj en Esperanto, por omaĝi al Gianfranco Molle, la plej fama itala kantisto, tutmonde konata, animo de "Muzika Kulturo". La komisiono povos asigni ĝis tri premiojn. La rezultoj estos anoncitaj enkadre de la itala kongreso de Esperanto, dum specifa programero.**



Giafranco Molle koncertas  en Bulgario (1977).

Ĉiu persono rajtas konkursi per maksimume tri verkoj, kiuj devas esti neniam antaŭe eldonitaj per ajna komunikilo (prese, rete, lege, bloge, ktp).
Maksimuma daŭro de kanzono estas 5 minutoj. La gajnintoj de la unua premio ne rajtas partopreni en la konkurso dum la sekvaj tri jaroj.
La konkursaĵojn oni sendu al la sekretario, Ivan Orsini, per retmesaĝo, al la adreso concorso@esperanto.it indikante la elektitan pseŭdonimon kaj la efektivajn nomon kaj adreson; ili estu kantitaj kaj luditaj en aŭda formato mp3 aŭ ogg, kaj skribitaj (nur vortoj, eventuale kun akordoj) en teksta formato doc aŭ odt.

**Premioj:**
la gajninto de la unua premio, premio Ĝanfranko, ricevos monpremion de 250,00 eŭroj. Por la aliaj la premio konsistos el esperantlingvaj KD-oj.
Limdato por la sendado estas la 30-a de majo de la koncerna jaro.
Juĝkomisiono: prezidanto: Carlo Minnaja, sekretario: Ivan Orsini, juĝantoj: Giulio Cappa, Renato Corsetti, Marcella Fasani
La sekretario informos ĝis la 1-a de aŭgusto la gajnintojn pri la premio.
La partoprenantoj cedas senpage al IEF por la unua jaro la rajton je unua publikigo.

**Por pliaj informoj :**
concorso@esperanto.it

FEI concorso
Via Eugenio Villoresi 38
20143 Milano
Italia



# Klimatmarŝo




Pluvo neniam haltigas verajn verdulojn.

**La Klimatmarŝo, la 10an de marto, estis kialo por 40.000 homoj surstrateniri por bona kaj justa klimatpolitiko. La marŝo estis la plej granda klimatprotesto en Nederlando iam ajn! Estas bonege ke tiom da homoj iris al Amsterdamo, malgraŭ la pluvado!**

Membroj de la Nederlanda Esperanto-Junularo (NEJ), La Amsterdama Rondo (LAR) kaj Esperanto-Klubo Utrecht (EKU) kune partoprenis en la tutlanda marŝo.

La marŝontoj kolektiĝis ĉe la hotelo De Koopermolen, kie kutime okazas la kunvenoj de LAR, kaj de tie ili promenis al De Dam, kie komenciĝis la marŝo.

La Klimatmarŝo komenciĝis ĉe De Dam per mallonga scenejprogramaro kun interalie Claudia de Breij kaj Typhoon. Klimatsciencisto Heleen de Coninck mallonge instruis pri klimat-ŝanĝo.

La esperantistaj marŝantoj portis multajn Esperanto-flagojn kaj protestŝildojn en nia lingvo. Aliaj junuloj alproksimiĝis al NEJ-ano por demandi pri tiu lingvo kiu estis parolata "inter nederlandanoj", preterpasantaj homoj atentigis siajn kunpromenantojn ke estas esperantoparolantoj(!) inter la marŝantaj homoj.

La Klimatmarŝo estis organizita de Milieudefensie, FNV, Greenpeace, Oxfam Novib, DeGoedeZaak kaj la Woonbond.




verkis: Marc Konijnenberg

# La Jaro de Peter van der Velde

Fine de 2017 la Esperanto-klubo Noord-Nederland ricevis la peton kunlabori en la projekto pri la jubilea jaro de Peter van der Velde, organizita de la biblioteko en Roden. En 2018 la biblioteko en Roden festis la centan naskiĝjaron (1918) de Peter van der Velde.
Ni akceptis la taskon. Ni tradukis kelkajn poemojn el la drenta/groningena dialekto en Esperanton. La poemoj estis publikigitaj en la libro 'Wilwaark'. Luit Staghouwer kaj kelkaj aliaj homoj tradukis ilin. Ineke Emmelkamp laŭtlegis ilin en Esperanto la 3an de februaro 2018 dum la malferma tago de la Peter van der Velde-jaro.
Poste ŝi vizitis la bazlernejon en Roderwolde (tie Peter van der Velde instruis) kaj prizorgis Esperanto-provlecionon.

Peter van der Velde loĝis en Roden kaj estis instruisto en baza lernejo. Li estis verkisto, precipe en la drenta kaj groningena lingvoj.
Li fariĝis membro de socialista junulara asocio. Li interesiĝis pri Esperanto. En 1937 li ekhavis la diplomojn Esperanto A kaj B por instrui en lernejoj. En 1965 li sukcesis akiri la diplomon L.O. (baza instruado).
Li korespondis en Esperanto pli ol 50 jarojn kun la dano Rikard Olsen, presisto el Hinnerup (Danlando). Peter donis multajn Esperanto-kursojn. Multaj lernantoj en Roden kaj Roderwolde lernis de li Esperanton post la normalaj lecionoj.
En la gazeto de la historia asocio ROON aperis en februaro 2018 artikolo pri 'Peter van der Velde kiel Esperantisto' (en la nederlanda lingvo).



**Plena nomo:** Petrus van der Velde
**Naskiĝdato:** La 5a de februaro 1918
**Naskiĝloko:** Vlagtwedde
**Mortdato:** 24a de januaro 2004
**Mortloko:** Roderwolde
**Profesio:** Instruisto kaj verkisto
**Retejo:** *petervandervelde.nl*

## E-tradukaĵoj

La tradukaĵoj kiujn faris la anoj de Esperanto-klubo Noord-Nederland ankaŭ estis publikigitaj en broŝuro pri Peter van der Velde; la broŝuro estas senpage legebla kaj elŝutebla ĉe la retejo de Esperanto Nederland.

Unu el la al Esperanto tradukitaj poemoj, kiu nomiĝas Aŭtuno, ni publikigas en ĉi tiu numero de Fenikso. Legu kaj ĝuu, kaj vizitu www.esperanto-nederland.nl por legi la du aliajn poemojn, ankaŭ la originalajn tekstojn vi trovos tie!

La redakcio dankas al **Ineke Emmelkamp**, kiu grave kontribuis al ĉi-artikolo

## Aŭtuno

*Iom da koloro morte pendas ankoraŭ sur la ruĝaj rozoj*
*La somero tro rapide al sia fino venis*
*Pluvero helege pendas ankoraŭ sur la aŭtunaj kolĉikoj*
*Kiuj treme kaj frostiĝinte en la malgranda korto staras*

*Tamen ankoraŭ brilas la suno kaj sekigas la brunajn foliojn*
*De fago kaj kverko, kiuj algluiĝas al nia vojo*
*La somero ŝajne perdis la lastan esperon*
*Kaj forigis ĉion kion ĝi iam posedis*

*Ĉu ankaŭ mi forigu ĉiujn miajn posedaĵojn*
*Ĉu mi ankoraŭ fojon vidos la florojn kaj la sunon?*
*Ĉu mi ankoraŭ fojon aŭdos kanti la gajajn birdojn*
*Ĉu venontan majon min ankoraŭ fojon atendos komenco nova?*

# MASE

**De ĵaŭdo la 28a de marto ĝis lundo la 1a de aprilo okazis MASE, la Mez-Anglia Semajnfino Esperantista, en la vilaĝo Wellesbourne meze de Anglio. Ĝi estas malgranda evento, kies ĉefa temo estas kune ludi tabul- kaj kartludojn. Ĝin okazigis Tim Morley en bela, hejma biendomo. Partoprenis dek homoj, la duono el kiuj vojaĝis trans la Kanalon por atingi la ejon. Do malmulte da krokodilado okazis!**

Ĉiutage estis sufiĉe libera programo por ludi, sociumi, kaj simple distriĝi, ekzemple en la varma, bobela akvujo. La manĝojn preparis alterne kelkaj el ni kaj simile kelkaj purigis kaj lavis la vazaron. Tiel ĉiu iufoje laboris kaj alifoje povis ripozi. Tim jam pretigis la menuojn kaj ĉiujn ingrendiecojn. La ĉiam bongustaj kaj variaj manĝaĵoj estis por ĉiu ajn, inkluzive veganoj, kun krome fromaĝo, viando, ktp por tiuj, kiuj deziras. Interalie ni manĝis supon, rakledon, rizoton, veganajn hamburgerojn, kaj diversajn britajn bongustaĵojn kiel Brandy Snaps.



Rakledo, fotis: **John Parkinson**

Krom la ludado estis ankaŭ ekskursoj, prelegoj kaj aliaj aktivaĵoj.
Ni dekope vizitis la muzeon por Meĥanikaj Arto kaj Dezajno (MAD-muzeo), kie ekspoziciiĝas diversaj bele moveblaj kreaĵoj. Apude troviĝas la iama domo de la fama verkisto Ŝekspiro. La alia ekskurselekto estis eniri la domon por ĉiĉeronado, sed ĉiu prifajfis la anglan literaturon por spekti mojosajn artaĵojn.
Sabaton matene kelkaj partoprenis la lokan Park Run (Park-Kuradon), dum kiu oni kuras aŭ paŝas, laŭplaĉe, 5 kilometrojn. Ĝi okazas en multaj lokoj ĉiusemajne kaj la celo simple estas aktivigi homojn por pli sana vivo.
Fine, kelkaj el ni iris al loka Eskapĉambro. Tie oni ŝlosis nin en ĉambro kaj ni devis eskapi el ĝi ene de 60 minutoj per solvado de multaj sinsekvaj enigmoj. Ni sukcesis!

Vespere kutime iu prezentis prelegon. Tiumaniere ni lernis pri multaj strangaj bestoj indiĝenaj en Aŭstralio, kaj kial homoj emas nei sciencon. Krome kelkaj preparis t.n. fulmprelegojn; rapidajn, kvinminutajn prelegetojn pri ĉiaj interesaj temoj.



La ejo, fotis **Tim Morley**

Origine unu el la celoj de la renkontiĝo estis, ke ni kreu novan aŭ traduku Esperanten jam ekzistantan ludojn, kaj produktu ekzempleron de ĝi. Bedaŭrinde tio ne okazis, ĉu pro nemotiveco, ĉu pro ioma manko de strukturo de la aranĝo. Tamen Tim intencas alĝustigi tion por ja funkciigi tian laboron, do la sekva MASE sendube estos eĉ pli bona. Mi ĉiuokaze nepre rekomendas iam partopreni en MASE al iu ajn, kiu de tempo al tempo ŝatas ludi ludojn. La sekva okazos de la 10a ĝis la 14a de oktobro 2019. Pli da informoj estas haveblaj interrete ĉe *http://mase.org.uk*



Ludante *Mysterium*, fotis **Anthony Bodineau**

verkis: **Joost Franssen**

# Olympiade




**La venkinto, Martin Lelarge, kun sia atestilo kaj bukedo.**

Foto: **Universiteit Leiden / Tamara Végh**

**Ĉi-jare la premio por la konkurso ”Taalkunde Olympiade” iris al Martin Lelarge, juna Esperantisto, kiu naskiĝis en plurlingva familio.**

La Taalkunde Olympiade estas konkurso por mezlernejanoj en la 4a, 5a aŭ 6a jaro de VWO-nivelo. Ĝiaj defiaj demandoj estas elpensitaj de lingvistikaj studentoj ĉe la universitato de Leiden. La temoj ĉiujare estas tre diversaj kaj inkludas ĉiajn lingvojn kaj skribsistemojn, ĉu modernajn ĉu antikvajn. Oni kompreneble ne bezonas paroli ĉiujn lingvojn, pri kiuj la demandoj temas, sed oni ja estu kreema kaj facile vidu konektojn.

La konkurso konsistis el 6 taskoj, kiujn Martin solvis tre bone. Li gajnis 57 el 60 poentoj, kio igis lin la plej bona kandidato en la lando. Pro tio, li rajtas partopreni en la internacia versio de la konkurso, kiu okazos en Jongin, Sud-Koreio.

---

Se vi interesiĝas pri la specoj de taskoj, kiujn Martin kaj la aliaj partoprenantoj devis solvi, vi povas iri al la retpaĝo de la Universitato de Leiden. Tie troviĝas pli da informoj kaj ekzemploj de taskoj. https://www.universiteitleiden.nl/pre-classes/taalkunde-olympiade

verkis: **Frank van Hertrooij**

# Esperanto zwart op wit




Al homoj, kiuj (ankoraŭ) ne parolas Esperanton, malfacile imageblas kiom ampleksa la mondo malantaŭ la lingvo estas. Kiel Esperantistoj fakte uzas Esperanton? Bert de Wit kaj Terry Vogelaar kunlaboris por krei portreton de Esperanto per diversaj originale Esperantlingvaj tekstoj, kunigitaj kaj tradukitaj al la Nederlanda. La rezulto de tiu peno estas la belega broŝuro “Esperanto zwart op wit”, kiu estas alirebla interrete per la retpaĝo de Esperanto Nederland. Se vi konas iun, kiu volas lerni pli pri Esperanto, aŭ mem ŝatus eble trovi ion novan, nepre trarigardu ĝin.

 www.esperanto-nederland.nl/ned/nieuws.php#212

verkis: **Frank van Hertrooij**

**Wat vindt u zoal in deze collectie?**
Allereerst een document van degene die met Esperanto is begonnen, Ludoviko Zamenhof, over hoe hij op het idee kwam om een neutrale internationale taal te ontwerpen. Dat staat in ‘Brief aan de heer N. Borovko’ (1895).
William Auld gaat in twee artikelen in op de relatie tussen taal en cultuur. Deze artikelen zijn oorspronkelijk verschenen in ‘Lingvo kaj Kulturo’, uitgegeven door uitgeverij Stafeto, 1974. Het eerste artikel is “Taal en cultuur” en het tweede “Een cultuur die insluit, niet uitsluit”.
Robert Phillipson gaat in op de relatie tussen taalpolitiek en mensenrechten in het artikel “Internationale talen en mensenrechten”. De positie van de Esperanto-beweging t.a.v. taalpolitiek en mensenrechten komt duidelijk naar voren in “Manifest van Praag” (1996).
De Esperanto-beweging heeft te lijden gehad onder diverse dictatoriale regimes. Esperantisten zijn vervolgd onder het Nazi- en Stalin-bewind. Daar geeft het boek “La danĝera lingvo” van Ulrich Lins een goed beeld van. Dat boek is vertaald in het Engels en te veelomvattend voor deze collectie. Hier vindt u twee verhalen van Esperantisten, een van Albin Makovski uit Polen die in het concentratiekamp Stutthof heeft gezeten, “Interview met Albin Makovski” en een van Armand Su over zijn belevenissen tijdens de z.g. culturele revolutie in China, “Een leven met en voor Esperanto”.
Dan komen er enkele fragmenten uit oorspronkelijk in Esperanto geschreven boeken. Het eerste fragment komt uit het boek “Metropoliteno”uitgegeven in 1933 in Amsterdam, geschreven door Vladimir Varankin, die de Stalin-terreur in de jaren dertig niet heeft overleefd en een belangrijk Esperantist was. Het fragment gaat over de bouw van metro in Berlijn en Moskou. Terloops komt de Proleta Esperanto Korespondado aan de orde. Het tweede fragment is uit “Amo inter ruinoj” van Trevor Steele (2016, Flandra Esperanto Ligo) en gaat over liefde tussen een Australiër en een Estse Esperantiste. De ruïnes zijn die van het vroegere Sovjetrijk in het begin van de jaren negentig. Corruptie en maffiose praktijken passeren de revue en het onafhankelijkheidsstreven van vele ex-Sovjet-republieken uit die tijd.
Waarom leren mensen Esperanto en hoe gebruiken ze het? Daarover is een aardig boekje verschenen van Jan Fetke (pseudoniem Jean Forge), getiteld “Mia verda breviero” (Mijn groene brevier, 1974), waaruit we de door hem gestileerde interviews hebben vertaald als “Bonte interviews”.
Tenslotte een scandaleus verhaaltje van Louis Beaucaire uit “El la vivo de Bervala sentaugulo” (Uit het leven van een Bervaalse nietsnut, 1974), getiteld: “Hoe je soms heel fijn kunt reizen zonder ster”.

# Vortserĉenigmo

Trovu la listigitajn vortojn en la enigmo. Ili povas esti horizontalaj, vertikalaj kaj diagonalaj en ĉiuj direktoj. Kiam vi trovis ĉiujn vortojn, la neuzitaj literoj formas novan vorton.

| | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| T | R | I | K | O | T | A | Ĵ | O | L | L | U | K | S | A |
| O | K | U | T | M | O | J | I | R | U | B | A | N | D | O |
| A | M | Z | A | U | T | U | N | M | E | P | A | K | J | S |
| P | A | I | I | T | S | T | Z | B | U | V | A | O | I | N |
| L | L | T | N | S | E | O | A | Ĉ | O | S | T | N | T | N |
| U | V | A | O | O | V | N | M | N | K | S | T | T | O | A |
| V | A | R | M | K | T | A | L | E | E | E | E | K | N | Z |
| M | R | A | E | O | N | A | D | V | Z | K | T | O | O | E |
| A | M | T | R | T | M | O | B | F | S | O | M | T | M | P |
| N | A | I | E | P | Ŝ | U | I | A | R | O | E | E | I | L |
| T | K | L | C | U | S | B | Ĵ | O | D | K | O | R | K | A |
| E | O | I | O | N | R | O | B | O | Z | I | M | E | Ĉ | M |
| L | S | M | A | O | J | O | Ĵ | A | L | O | T | B | U | S |
| O | T | U | A | L | E | T | R | O | B | O | P | U | J | Ĵ |
| P | A | L | T | O | T | S | E | V | R | E | P | U | S | O |

Banto
Bereto
Ceremonia
Ĉemizo
Jupo
Juto
Ĵinza
Kapuĉmantelo
Kaskedo

Kimono
Korka
Luksa
Noktorobo
Nuptokostumo
Malnova
Malpeza
Malvarma
Militara

Modo
Palto
Pluvmantelo
Rubando
Sintezfibro
Subtolaĵoj
Subvestoj
Supervesto
Ŝuo

Teksaĵo
Trikotaĵo
Tualetrobo
Tuko
Uzita
Vesto

El la librejo de Wil van Ganswijk

# Legindaj Artikoloj

**LA REVUO ORIENTA**, OKT 2018: Esperanto kaj mi: Povilas Jegorovas (Litovio); Joŝito Haŝimoto: Hazardaj renkontiĝoj en Lisbono; Hori Jasuo: Kvar fakkunsidoj, pri kiuj mi respondecas; vere mirinde aktiva li estas; se vi ankoraŭ ne aliĝis al la mondvasta samtempa Esperanto-legado: ANONCU VIN al la SUMOO-LEGADO: ĉiu legas nur tiom, kiom ŝi aŭ li mem promesis; La nova kotizo-sistemo de UEA al la membroj de UEA;
NOV 2018: Goncalo Neves (Portugalio) – Esperanto kaj mi; Vizito al Germanio kontraŭanta forgeson;
DEC 2918: Gabi Kosiarska (Pollando) – De libroj kaj Esperanto al plenintensa vivo; La 2a Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio – okazis sukcese;

**SENNACIULO**, SEP-OKT 2018: SAT-anoj ekfrontas la defion de novaj komunikilaj teknikologioj; Dumkongresa artateliero: Portretateliero gvidata de kamarado HO Song; Resumo pri kongresaj laborkunsidoj; Kunveno de la liberecana frakcio; Teknika revolucio, geopolitika ŝanceliĝo – Elektroaŭto, orpluvo por Ĉinujo; Tombejo de japanaj kaptitoj en Ulaanbaatar; Rilato inter Japanio kaj Mongolio;

**LA SAGO, LA SAT-AMIKARA GAZETO**, SEP-OK 2018: Tema numero: Sano, malsano kaj handikapo: Kio estas kapablismo? Kiel bonsani laŭ naturkuracado; Suferado en necerteco; Aĉa memoro! Vivi kiel preskaŭ blindulo; La originala esperanta literaturo;

**SENNACIECA REVUO** N-RO 146, 2018: La praktika internaciismo de Esperanto; Diskurso pri ŝuldo; Esploro pri la fontoj de la civitana milito en Sirio; Nikolao Gudskov – Okcidentismo kaj slavismo: du eternaj polusoj de la rusa pensmaniero; La nuntempa amasa formorto de teraj vivaĵoj; Stilformoj en "Festeno" de Raymond Schwartz (1926); Antonio Marco Botella – La originoj de la hispana liriko; Miguel Fernández – Prezento de _Bohemiaj lumoj_ en la salono "Kubik Fabrik" de Madrido;

**AEU-BULTENO DE LA ANDALUZIA E-UNUIĜO**: JUL-SEP 2018: pluraj paĝoj pri la famaj libroj de Asteriks, la granda heroo; 26a Internacia Semajno de la Kulturo kaj Turismo en Salou 2018; Internacia Tago de Ne-Perforto 2018; la bildstria rakonto daŭras plu;
OKT-DEC 2018: Festado de la Zamenhof-tago en Sevilo: Aliaj Planlingvoj: ĉu interesaj? Tre leginda artikolo; la bildstrio pluiras – bonega desegnaĵo, ĉarma rakonto;

**KONTAKTO** 2018:5: Brian Russel – Alia mondo eblas – interreto povas utili al disvastigo de niaj idealoj; Bruligita historio: Nacia Muzeo de Brazilo detruita de fajro – pensigas min pri la brulo de la biblioteko de Aleksandrio Egipta; István Ertl – Tiel la mondo … pasvortas; Stela Besenyei-Berger – Malpli da havoj, malpli da zorgoj – kongruas kun la nuna modo forigi ĉion ne tuj uzotan, sed ho kiel ĝoja mi estis, kiam post la infarkto kaj la kor-operacio mi retrovis la dorsosakon por nur unuŝultra portado!;
2018:6: Suso Moinhos – Tra la spegulo de poezio; Klara Ertl – Rifuĝintoj al Eŭropo – estas legindega artikolo; tre pensiga estas la "prediko" de amiko István: Tiel la mondo … Hanso Becklin – Kiam amo frapas frue … ĉarma historieto;

**LA KANCERKLINIKO** 168, OK-NOV-DEC 2018: La kovrilpaĝo estas gigante impona denunco kontraŭ seksperforto kontraŭ infanoj fare de pastroj kaj homoj, kiuj kovras tion. Gratulegon al la farinto! Min tre interesis la Repliko pri sciencfikcio de Mikaelo Bronŝtejn; Marksism-leninisma religia epizodo -Mao Zedong kaj la sanktaj mangoj- de Laŭrenco Septje – pri epizodo en la ĉina historio, tre leginda! Miguel Fernández – La ĴURNALO de Adamo kaj Eva laŭ Mark Twain. La recenzo emigas min legi la originalon. Ian Fantom – Epoko de falsaj novaĵoj;

**KROMKANCERKLINIKO** 33: Kressman Tayler – Nekonata adresito. Eta libreto memstare eldonita: Leterinterŝanĝo rande de la estiĝo de la Hitlerreĝimo – tre leginda;

**ESPERANTO AKTUELL** 2018-5 (251): Feliĉkarpo por Esperanto-junularo en la Esperanto-urbo; Neue Kunstwerke besonderer Art von Dieter Utermöhlen; Neue wichtige Esperanto-Ausstellungen in Herzberg; Das Sägewerk Bad Segeberg; Europa, Demokratie und Esperanto zur Wahl bringen;
2018-6 (252): Gelebtes Europa: Vernissage der Sonderausstellung zu 25 Jahren Partnerschaft mit Góra; Fermo de la Esperanto-Asocio de Linz; Historia Vortaro eksplodanta;
2019-1 (253): KAEST 2018 en Modra, Slovakio; Australische Wissenschaftlerin forschte in Herzberg; Ĉu vi jam aliĝis al la 35a Printempa Semajnfino Internacia en Hochspeyer?

**NOVA IRLANDA ESPERANTISTO** SEP-OKT 2018: UEA kaj UN en 2019-2020: multflanka kunlaboro; 75a datreveno de UN – do UEA prenis kiel moton por la 105a UK en Montrealo: Diaologo kaj interkompreniĝo en ŝanĝiĝanta mondo;
NOV-DEC 2018: ESF festas oran jubileon;
JAN-FEB 2019: Belartaj Konkursoj de UEA alvenas al sia 70a eldono; dum multaj jaroj kiel juĝisto mi kunlaboris al tio. Estas miasence ege grava la flegado de nia literaturo: eĉ post mia infarkto mi sukcesis plu labori pri mia lasta ampleksa traduklibro LA APOSTOLAJ PATROJ, ĉ 400 paghojn entute, ĉ 80 paĝojn post la infarkto mi fintradukis. Nun mi reviziadas!:

Zamenhof substrekis la gravecon de nia literaturo dirante: _SE FALOS LA BIBLIOTEKO, FALOS ĈIO!_

Verkis: Gerrit Berveling

LA AMSTERDAMA RONDO

# LAR-kvizo

*En la kunveno de la Amsterdama Rondo je la 14a de aprilo ni ludis kvizon kiun fakte preparis An Olijslagers  kaj kiu prezentis ĝin en Houthalen, dum la Beneluksa Kongreso kaj dum Luminesk' (en Germanio.  Ni ludis keakajn rondojn. Ĉiam estis tri personoj kiuj respondis 7 demandojn, plej diversajn, pri historio, literaturo, aritmetiko, Esperanto, k.t.p.*
*La partoprenantoj ĉiuj kunludis kaj la gajninto fine estis Arjen-Sjoerd De Vries. Estis kelkfoje streĉe, kiu gajnis, sed finfine ĉiuj konsentis ke estis li kiu plej multajn demandojn respondis ĝuste. Oni tre ŝatis la kvizon. Eble aliloke oni ankaŭ volas konkursi pri la plej inteligenta persono.*

*La solvo de unu el la demandoj: la homa surluniĝo okazis en 1969!*






Fotis: Andries Hovinga

La cerboj krakadas…

La gajninto sidas plej dekstre. 👑

# Nekrologo

## Wil van der Weijden

## –

## 5 aŭgusto 1918 – 15 marto 2019

Wil estis membro de Esperanto Nederland kaj de la Haga Klubo.
Krome ŝi dum multaj jaroj laboris en la Internacia Esperanto Instituto en Hago.
Ŝi i.a. ordigis librojn. Si estis modesta virino kiu ĉiam kun plezuro pretis fari la plej diversajn taskojn,

Bedaŭrinde ŝi dum la lastaj jaroj ne plu povas vidi kaj aŭdi, tial ŝi finis sian membrecon.
Ŝi translokigis al flegejo en Hago. Tie ni festis ŝian 100-jaran naskiĝtagon.
Ni vizitis ŝin kaj parolis pri ŝiaj memoroj pri Esperanto. Ŝia memoro restis bona!
Anneke kaj mi ĉeestis la funebran ceremonion kaj memorigis ŝian dumvivan korinklinon al Esperanto.
La aŭto kun la kesto veturis al la kremaciejo, tra la Esperanto-strato en Hago.

Anneke Korfage
Marjet Erasmus

# Studieweekeinde




**Voor wie** Als je nog nooit Esperanto hebt geleerd, of jouw Esperanto is nog niet zo goed als je zou willen, ben je van harte welkom.  Er wordt op verschillende niveaus les gegeven. De nadruk ligt op het oefenen van het spreken in Esperanto in kleine groepen.

**Wanneer** Het studieweekend vindt plaats op vrijdag 22 november t/m zondag 24 november 2019.

**Waar** Natuurvriendenhuis Krikkenhaar, Krikkenhaar 11, 7627 PA Bornerbroek.

De **kosten** voor dit studieweekend bedragen € 75,- pp. (leden van Esperanto Nederland en NEJ € 65,- pp.) In de prijs zijn inbegrepen: lessen, het overige programma, overnachtingen, maaltijden, koffie en thee tussen de lessen.

De **deelnemersbijdrage** van deze bijeenkomst is laag. We willen iedereen een kans geven om deel te nemen. Wil je een extra financiële bijdrage leveren, geef dan aan op het aanmeldingsformulier met wat voor bedrag je de bijeenkomst wil steunen. Elke bijdrage is welkom.

**Meer informatie** en het aanmeldingsformulier op de website van Esperanto Nederland staan op de website:
**esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php**